# TABELO DE ENHAVO

Sur paĝo 1: Antarkta pinveno lamentas la morton de ĉ. cent junaj pingvenoj.



*En februaro*

*via redaktoro dissendis al la abonantoj de Mirmekobo alvokon, petante verkojn por povi pretigi la martan numeron. Pli ol 40 personoj afable sendis verkojn, tre aperigindajn, kaj mi volas elkore danki ilin. Ĉiam estos spaco en Mirmekobo por viaj kontribuoj, kaj mi deziras peti ankoraŭ pli el vi, kiel ankaŭ la ĝisnunajn verkintojn, helpi variigi la enhavon de Mirmekobo per pliaj novaj verkoj.*

*Anaŭdankon.*

Donald Broadribb

# recenzo

Trevor Steele: *Flugi kun kakatuoj.* Eldonis FEL. 2010. 254 paĝoj, broŝuritaj.
Recenzas Donald Broadribb

## *Unu el la plej gravaj verkoj de Trevor Steele.*

Aŭstralio estas malmulte konata en la granda mondo; plejparte oni scias pri la Havenponto kaj la Operdomo de Sidnejo, la Pokalo Melburna, kaj Paul Hogan. Pri la detaloj de ĝia historio scias preskaŭ neniu. Kaj pri tiu parto de ĝia historio kiun detale priskribas Trevor Steele en sia nova romano, eĉ malmultaj aŭstralianoj scias.

En la komencaj jardekoj de la deknaŭa jarcento, la britoj decidis koloniigi Okcidentan Aŭstralion. Laŭ la tiama kutimo de Britio, kiu celis kiom eble regi la mondon per sia imperio, kolonizi signifis simple deklari ke iu teritorio apartenas al ĝi, mortigi aŭ sklavigi la jamajn loĝantojn en tiu teritorio, kaj doni aŭ vendi parcelojn al almigremaj britoj.

Ne vere mirindas, ke la jama loĝantaro de Okcidenta Aŭstralio rigardis tion kiel agresan invadon, kaj klopodis defendi sian teritorion. La britoj havis kaj uzadis fusilojn, la aborigenoj nur lancojn. Avantaĝa por la britoj estis la telegraflineo inter Perto kaj la britaj kolonioj en la orienta parto de Aŭstralio. Tio signifis ke ili povas peti pliajn provizojn da fusiloj, kugloj, kaj helpantoj. Avantaĝa por la aborigenoj estis ilia detala kono de la tereno, precipe valoraj por ili estis detala kono de la mont(tet)oj, de la arbaroj, kaj kapablo organizi embuskajn atakojn.

En la romano, ni komence sekvas la karieron de juna brito, Billy Dixon, kiu volas riĉigi sin per la laŭdire trovebla amasa kvanto da oro ekzistanta en la okcidentaŭstralia tero, kaj kiu firme kredas ke la aborigenoj estas primitivuloj intelektomankaj, venkendaj fare de la Civilizituloj, t.e. la britoj kaj la brita imperio. Sed la oro-riĉebleco montriĝas fantazia, la klimato estas preskaŭ netolerebla, kaj kian laboron oni povas trovi por pergajni sian vivon? Nu, helppolicisto ŝajnas esti la sola fidebla posteno.

Samtempe ni sekvas la karieron de aborigeno nomita Jangabara, kiu celas amori ĉiun virinon trovitan, trovatan, kaj trovotan, malgraŭ la striktaj tabureguloj de la aborigenaj triboj. Lia senfina amoremo kaj malobeo je la sistemo de sekstabuoj instigas la Banubi-tribon lin ekskomuniki, t.e. malagnoski lian rajton resti en la tribo. Li devas tutvere trovi sian propran vojon en la mondo. Ĉar proksimaj triboj estas ne amikemaj (precipe ĉar Jangabara altiris por amoro ĉiujn belajn knabinojn de tiuj triboj), necesas ke li trovu laboron inter la blankuloj. Tie li montras rimarkindan intelekton, kapablon adapti sin al novaj cirkonstancoj, tre grandan talenton lerni kaj uzi fusilojn, kaj rajdi ĉevalojn. Efektive, li superas ĉiun el la blankuloj per tiuj

talentoj, kvankam kompreneble oni ne pagas lin (“kiel utilus mono por primitivulo aborigena?” oni sin demandis). Sed li rajtis loĝi en domaĉeto konstruita el branĉoj. Kaj ĉar aliaj aborigenoj volis mortigi lin, pro lia agado, li ricevis iom da protekto kontraŭ ili.

Nu, neeviteble la situacio iĝis netolerebla en Okcidenta Aŭstralio, kie laŭ la blankuloj la tuta tereno apartenas al la brita kolonio, kaj aborigenoj rifuzantaj akcepti tion devas esti mortigataj.

Multo de la libro priskribas la intergentan militadon, kaj en la fino la aborigenoj trovis sin en la situacio kiu estas tre familiara eĉ en nia propra epoko.

Kiel ofte ĉe Trevor Steele, la romano estas dramigo de vera eventaro okazinta en Okcidenta Aŭstralio en la frua parto de la 1800oj. La nomoj estas ŝanĝitaj. La historio kiun Trevor Steele romanigis restas firme en la memoro de aborigenoj de, ĉi-foje, Okcidenta Aŭstralio.

*Kiu volas legi plaĉan amromanon, tiu legu alian libron, ne ĉi tiun. Sed kiu volas scii la veron pri la historio de Aŭstralio, tiu tre instruiĝe legos la libron.*

---

# enigmo

## Sablohorloĝoj

**de Sen Rodin** (Italio)

Sinjorino Kikerinski, kuiristino de grafo Delazuris, devas boligi tri ovojn por lia vespermanĝo. Ŝi scias, ke la grafo, tre maljuna, grumblema kaj postulema pri manĝaĵoj, postulas ovojn restintajn *ekzakte* 15 minutojn en bolanta akvo. Tamen la grafo malpermesas, ke en la antikva kuirejo de lia antikva kastelo oni uzu modernajn horloĝojn, kio estus nepardonebla anakronismo. Li nur permesas, ke oni uzu du antikvajn sablohorloĝojn. La unua sablohorloĝo (kiun ni nomos sablohorloĝo A) malpleniĝas en 11 minutoj; la dua (sablohorloĝo B) en 7 minutoj.



*Kiamaniere sinjorino Kikerinski povos boligi la ovojn ekzakte dum 15 minutoj?*

***Solvo sur paĝo 36***

# La kato Meketrefo

**Dominique Vieira (Brazilo)**

Kato trokaresita estas ankaŭ perdita kaj Meketrefo ĉion ricevis tie en tiu domo, ĝi havis ĉiom da rajtoj. Krom tio, ĝi dormis ĉirkaŭ dudek horojn tage. Kato de Antonia, malplejaĝa filino, ĝi bone sciis kiel ĝui ĉiom kiom estis al ĝi ofertita. La populara sentenco, kiu diras ke la katoj ĉiam falas surpiede, ne estis utila por klarigi la vivon de ĉi tiu kateto ĉar se io malfacila estis, ĝi estis la fato de Meketrefo ne esti dormema aŭ, minime, kuŝinta, atendante pli malvarman laktan subtason.



Ĝi ĉion havis por esti tre influa ĉe la alta hierarkio de la kateca socio kaj vere respektata pro fari belajn esploradojn kunlaborante al progreso de la kata vivo de katurbo. Tamen, kamaradema ĝi ne estis. Preskaŭ mizaliura[1], ĝi havis longan lanugon, ĝi estis multepeza kaj preskaŭ neniom aktivema. Delonge ĝi ja ne akompanis scivoleman normon, ideologio tre estimata inter ĝia speco.

---

[1] "mizantropa"=*homojn* malamanta. Sed ĝi estas kato kiu malamas *katojn*. Pro tio, ĝi estas *mizaliura* ("katojn malamanta") el zoologia radiko *aliur.*



Prakuzo de itala Kato, kiu mem estis morta jam de tri tagoj, kaj daŭrigis kuŝanta sur la seĝo de drinkejo ĉar ĉiuj imagis ke ĝi nur dormas unu el siaj



multaj pigraj kataj dormadoj, Meketrefo, tamen, estis la granda ĝojo de Antonia, knabino tre sola.

Kvankam ĝi dormis preskaŭ tuttage, ĝi ne estis nek maljuna, nek laca, ĝi nur ne sukcesis trovi en la vivo fortojn por daŭrigi. Ĝi ja sukcesis lerni ke sian funkcion kiel doma Kato ĝi faris bone, fine, ĝia proprietulino neniom postulis. Kontraŭe, ĉiam trokaresis ĝin pli kaj pli kaj, iam kaj iam, plaĉis ĝin donante la plej mirindan fingrumon. Se neniu manifestis sin, se neniom estis dirata kontraŭ ĝia vivmaniero, ne estas kritikoj, kial kontraŭagi eĉ familiajn kutimojn? Ĉar fakte, ĝi estis mojosa[1] kato.



Eraras kiu kredas ke, por ĉiam dormi aŭ kuŝi, Meketrefo ne scias pri ĉiom kiom ĉirkaŭrondis ĝin. Majstro pri sensoj, ĝi vidis kaj aŭskultis preskaŭ ĉion, sciante nekalkulebajn aferojn kiuj okazis en tiu domo, precipe kelkajn konfuzojn vere infanajn faritajn de knabino Antonia. Sed, neniu el ili kaptis ĝin. Kiam ĝi ja estis vekiĝinta, ĝi eĉ vigligis sin aŭskulti pianon, sed neniam ĝi volis iri pluen. Ĉiam ĉirkaŭita de libroj, pentraĵoj, gramofondiskoj kaj multaj aliaj artefaktoj kun la plej diversaj kulturaj reprezentoj, tiel de la katoj kiel de la

1 Mojosa = angle "cool". (Slanga vorto.) Pri la vorto mojosa, vidu http://eo.wikipedia.org/wiki/Mojosa

homoj. Dume, eĉ ne la kataj kunvenoj, ĉiam marde, stratangule ĝia hejmo, ĝi interesis sin. Ĝi opiniis ke ĉio estis neniom neniigita. Ĝi nur ne volis envolvi sin.

Ĝi faris neniom de la interesaj kaj signifoplenaj, aferoj por la katoj. Kontraŭe, ĝi estis feliĉa ĉar la aferoj okazis kiel ili okazis. Certe, Meketrefo pensis ke estus bona ideo lerni skribi, kiel Antonia, kaj meti siajn provaĵojn en taglibron, sed, kiam ĝi imagis la malfacilaĵojn por alfronti, ĝi subite rezignis. Ankaŭ okazis la sama afero kiam ĝi volis lerni kiel legi kaj rakonti historietojn. Vojaĝi estis alia afero tre malfacila por ĝi, ĉar nur konsideri la laboron por pretigi la valizojn ĝi ja sentis sin tro pigrema. Do, nek en libertempo plaĉis al ĝi forlasi sian hejmon kaj interrilati kun aliaj katoj.

Unufoje, Antonia iris ludi kun siaj amikinoj, baldaŭ post la klasoj, kaj longe ne revenis al sia hejmo. Kiam ŝi alvenis, ŝi trovis ŝiajn malĝojajn gepatrojn kaj, apud ili, viron portantan nigran valizon kie estis legebla: “La sano de la katoj”.




“Rakontu al ŝi!” Parolis la patrino. “Ne, rakontu vi!” Respondis la patro. Tre zorgema, Antonia, nesciante kion fari, rapide volis koni la malĝojan historion, ĉar ŝi ja suspektis ekde kiam ŝi legis la valizon de la stranga viro. Jes, Meketrefo estis nun kadavro!

"Povra kateto! Kiel mortiĝis?" Demandis la dolĉa knabino.

"Iksodo!" Respondis la viro. "Ĉi tio sendube okazis pro Iksodo". Kaj ĉi tio estas ĉiom kiom ni scias pri Meketrefo ĉar, kiel oni prezentis ekzplicite ĉi tie, ĝi ne movadis sin por fari ion ajn, ĝi estis ankaŭ tre pigra, ĝi skribis neniom kaj tamen mortis pro iksodo.



---

## Morto de Arthur Boothroyd

La 10an de februaro, je la sesa horo matene, mortis la aŭstralia artisto Arthur Boothroyd. Legantoj de *Mirmekobo* vidis artikolon pri li, kun pluraj el liaj pentraĵoj, en *Mirmekobo 11*. Arthur festis sian 100jaran naskiĝ-datrevenon je la 1ª de oktobro 2010. Jam tiutempe li montris severajn simptomojn de la malsano Alzheimer.

Arthur estis bona amiko de via redaktoro, kaj onklo de la edzino de via redaktoro. Pluraj el liaj pentraĵoj pendas sur niaj muroj. Li kaj nia nigra kato estis intimaj amikoj, kaj ili ofte interkorespondis.

# aventureto

## MIA UNUA FLUGO PER AVIADILO

**(parto 2)**

**de Lenke Szasz** (Rumanio)

[En parto 1, aperinta en Mirmekobo 11, Lenke Szasz rakontis pri la unua parto de sia aventuro: flugo de Budapeŝto al Londono, kaj problemoj ĉe la alvenejo. Ŝi restis en Anglio tri semajnojn. Je la fino de la vizito, ŝi devis reflugi al Hungario.]

La tagoj pasis rapide kaj jen mi denove estas en flughaveno akompanata de mia amikino.

Mi adiaŭis ŝin kun larmoj, ja neniam plu mi vidos ŝin, kaj supreniris ŝtupetaron al la loko, kien ŝi ne rajtis akompani min sen bileto por aviadilo. Mia valizo jam estas kontrolita kaj estos forportita, mi scias, kiam mia aviadilo deteriĝos, do eĉ sen angla lingvoscio mi ne povos havi malfacilaĵon, mi pensis. Mi vidis, ke homoj staras en vicoj kaj rigardas elektronikan tabulon, sur kiu estas skribitaj urbonomoj kaj ciferoj: horoj de ekiroj kaj alvenoj. Mi trovis mian vicon kaj ekstaris en ĝi. Horo pasis, el aliaj vicoj oni ekiris tra enirejo. Mi komprenis, ke ili iras al siaj aviadiloj kaj konkludis, ke mi devos fari la samon, kiam sur la tabulo ekaperos la nomo de mia urbo. Sed la tempo pasis, el la aliaj vicoj oni iris senĉese al siaj aviadiloj kaj proksimiĝis ankaŭ la tempo por mi. Sed sur la elektronika tabulo daŭre estas skribitaj "misteraj" anglaj vortoj: WAIT LOUNGE. Kio tio povas esti?

Pli kaj pli maltrankvila, mi traserĉis mian cerbon pri lingvoj iam lernitaj en lernejo, sed ne kapablis diveni la sencojn de tiuj vortoj, mi nur konjektis. Jam estas la tempo iri al mia aviadilo! Se mi ne surbordiĝos, mia valizo flugos sen mi. Kaj kion mi faros en Londono sen lingvoscio, sen mono? Mia amikino delonge foriris por pluvojaĝi al sia urbo kaj mi donis al ŝi miajn restintajn, neelspezitajn monerojn, ja mi ne povos uzi ilin en mia lando. Eĉ telefoni al ŝi mi ne povas.

Mi kolektis mian magran germanan vortostokon kaj alparolis viron, kiu staris antaŭ mi en vico: "Ĉu al Budapeŝto vi vojaĝas?" Li hungare respondis (mia gepatra lingvo), kaj mi eksciis, ke li telefone parolis kun parencoj en Budapeŝto kaj de ili eksciis, ke nia aviadilo ekiris de tie kun malfruo, ĉar oni devis ripari ĉe ĝi difekton. Iomete mi trankviliĝis, ja ne forflugis sen mi la aviadilo, sed…tiu difekto: Certe la riparistoj hastis pro la prokrasto kaj nur fuŝe riparis la aviadilon. Aŭ ĝi kraŝos dumvoje al Londono, aŭ ĝi falegos kun mi.

Neniam mi revidos miajn gefilojn, mian nepeton. Ne povos transdoni al ili la donacetojn, kiuj tiel multe plaĉis al mi: la etan ruĝan telefonĉelon, kiu fakte estas ŝparkesteto, la etan pupon vestitan kiel gardisto de la reĝino, kaj la aliajn ĉarmajn suvenirojn! Kial mi elektis por mia vojaĝo aviadilon kaj ĝuste tiun malmultekostan, kiu difektiĝas? Sed vane mi nun ĉagreniĝas, nenio estas farebla.

Finfine la aviadilo alvenis. Mi postsekvis la hungaron por atingi la ĝustan lokon, kie oni kontrolas la pasportojn kaj poste la pasaĝeroj iras al siaj aviadiloj. La difekto estis bone riparita, ĉar la aviadilo senprobleme atingis Budapeŝton. Nek mia valizo perdiĝis, nek mia nepeto forgesis min dum mia longa foresto: Kun ĝojo li ekridetis, kiam li min ekvidis.

Kaj mi pensis: Estus bonege, se ĉie en la mondo Esperanto estus instruata, sed ĝis la "fina venko" mia nepo devos ellerni la anglan, apud mia kara Esperanto.

# humuro

## MONTENEGRA DEKALOGO

*(ŝerco, aŭtoro nekonata)*

**(tradukis Bojana Alfireviĉ)**

1. La homo naskiĝis laca, kaj vivas por ripozi.
2. Amu vian liton kiel vin mem.
3. Ripozu tage, por ke nokte vi povu dormi.
4. Ne laboru, la laboro mortigas.
5. Se vi vidos ke iu ripozas, helpu ŝin/lin.
6. Ne faru tion hodiaŭ se vi povas morgaŭ.
7. Laboru pli malmulte ol vi povas, kaj la laboron kiun vi ja povas, transdonu al la aliaj.
8. De la ripozado ankoraŭ neniu mortis.
9. La laboro portas malsanon — ne mortu juna.
10. Se vi ekdezirus labori, sidiĝu ĝis kiam la deziro pasos.

# Vojaĝo Al Cervantes — Vidindaĵoj, Pripensindaĵoj

**de Margaret Furness** (Aŭstralio)

Cervantes estas fiŝkaptista vilaĝeto, 270 kilometrojn norde de Perth, Aŭstralio. La regiono estas seka, ofte sekega, sed printempe, mirindaj sovaĝfloroj abundas.

Cervantes →



Survoje al Cervantes, oni preterpasas "ventbienon", kun eble kvindek ventiloj. Oni atendas aŭdi galopantajn hufojn.



Ventbieno

Proksime troviĝas saleta Lago Tethis, kiu enhavas stromatolitojn. Tiujn

kreas blualgoj el kalko; praaj stromatolitoj fariĝis la unuaj spuroj de vivo sur la Tero. La stromatolitoj de Cervantes aĝas nur tri mil jarojn, kaj ankoraŭ kreskas.



Enakva stromalito

## Stromatolitoj ĉe Lago Thetis, en Okcidenta Aŭstralio





Malgranda parto de la Dezerto de Pinoj

Oni vojaĝas al Cervantes plejparte por viziti la Dezerton de Pintoj (Pinnacles Desert). Esploristo, kiu preterveladis en la dek-oka jarcento, opiniis, ke la pintoj estas ruinoj de praa urbo.



***Kakatuoj (Cacatua roseicapilla)***

Fakte, la miloj da kolonoj konsistas el kalkŝtono eroziitaj de vento kaj sablo. Unu kolono enhavas truon, en kiu birdoj nestas. Mi vidis du galaho-kakatuojn (KAKATUA ROSEICAPILLA), kiuj gratis alian kolonon per la bekoj. Supozeble ili volis fosi nestotruon, sed la roko estis tro dura. Ili forflugis. Post kelkaj minutoj, paro da galahoj — la sama? — alflugis, portante en la beko po branĉeto de eŭkalipto.

Ili balais la gratitan parton de la kolono per kapjesaj movadoj. Kiam unu galaho faligis sian branĉeton, mi aŭdis blekon, kiu similis sakron. Eble ĉi-tiun parton mi nur imagis ; sed mi kredas, ke mi vidis ilo-kreadon fare de birdo.

# klarigo tre utila

## Pri rusaj nomoj

**de Valentin Melnikov** (Rusio)

Probable ĉiu el la legantoj havas rusajn konatojn aŭ almenaŭ legis librojn el rusa vivo — kaj supozeble ne ĉiam povis klare kompreni sistemon de personaj nomoj uzataj inter rusparolantoj. La sistemo estas eble komplika por alinacianoj, sed por ni tute simpla kaj logika. Per nomformoj oni povas esprimi karakterizon de persono kaj propran rilaton al tiu.

### *Partoj de nomo*

Ĉiu homo loĝanta en Rusio, kaj en kelkaj aliaj ekssovetiaj landoj, havas personan nomon el tri partoj: *1) (antaŭ)nomo, 2) patronomo, 3) familia nomo*. Ĉiuj tri estas registrataj en oficialaj dokumentoj. La sinsekvo kutime estas ĝuste la indikita, sed en iuj dokumentoj la famila nomo povas stari sur unua loko. Oficialaj dokumentoj en la rusa lingvo enhavas ĉiujn tri nompartojn, sed en dokumentoj adresataj al eksterlando, la patronomo kutime forestas. Se dokumento estas dulingva (eksterlanda pasporto, internacia stirpermeso), do per cirilaj literoj estas indikitaj tri nompartoj, per latinaj — nur du, sen patronomo.

***(Antaŭ)nomo*** estas parto pli-malpli kutima por ĉiuj popoloj, la nomoj povas esti sufiĉe internaciaj, nur iom adaptitaj al la rusa lingvo: Ivan, Aleksandr, Viktor, Valentin, Sergej, Pavel (viroj); Anna, Marija, Jelena, Irina, Tamara (virinoj) kaj multaj aliaj. Ekzistas ankaŭ nomoj de pure rusa deveno, apenaŭ troveblaj ĉe aliaj popoloj. Normale vira nomo finiĝas per konsonanto (esceptoj: Nikita, Ilja, Luka, Foma — nur du unuaj nomoj el tiu listo estas relative oftaj). Virinaj nomoj finiĝas per “-a”, aŭ, cirilskribe ankaŭ per “-я” (tiu litero transdonas kombinon “ja” aŭ sonon “a” post mola konsonanto), la sola escepto inter oftaj virinaj nomoj estas Ljubovj. Kelkaj nomoj estas “paraj”, havas viran kaj virinan formon — la virina formiĝas per aldono de finaĵo “-a”: Aleksandr(a), Valentin(a), Jevgenij(a), Valerij(a).

Gepatroj libere elektas antaŭnomon por naskiĝinta infano. Diference de la alilandaj tradicioj, ruso ĉiam havas nur unu (antaŭ)nomon. Aliaj partoj de la nomo ne estas elekteblaj.

Patronomo estas derivaĵo el la nomo de patro, kun specialaj sufiksoj. Ne ĉiam derivado estas regula, ekzistas kelkaj modeloj, apartaj sonoj povas modifiĝi — tamen oni senprobleme vidas la originan nomon de la patro. Por viro patronomo finiĝas per “-iĉ” kun antaŭa sufikso, por virino la finaĵo estas “-vna”. Do el la nomo Ivan aperas por ties filoj patronomo Ivanoviĉ, por filinoj

Ivanovna. Respektive Sergej — Sergejeviĉ kaj Sergejevna, Miĥail — Miĥajloviĉ kaj Miĥajlovna ktp.; aparta modelo por la nomoj finiĝantaj per "-a": Ilja — Iljiĉ, Iljiniĉna.

Do, por naskiĝinta infano la patronomo estas antaŭdifinita. Nomo de patrino neniel rolas kaj do ne diveneblas el plena nomo de infano. Atentu: patronomo ĉiam staras *post* la ĉefa nomo. Patronomo uzeblas nur kun plena formo de la antaŭnomo, ne kun ties derivaĵoj (pri kiuj temos ĉi-sube).

***Rusaj familinomoj*** historie estas derivaĵoj el nomo (aŭ kromnomo) de iu prapatro, el ties profesio ktp., do la radiko povas esti persona nomo, profesio, ia trajto, plej diversaj objektoj kaj kelkfoje eĉ tute nekompreneblaj literkombinoj. La familinomoj havas sufiksojn "-ov" aŭ "-in"; virina familinomo formiĝas el la vira per aldono de finaĵo "-a". La akcentloko ne ŝanĝiĝas, krom se vira "-in" (sed ne "-ov") estas akcentata — tiakaze en respektiva virina familinomo akcentiĝas la fina "-a". Aparte staras la nobelaj familinomoj, finiĝantaj per "-skij" (senakcenta) aŭ "-skoj" (akcentata) por viroj, kaj "-skaja" ambaŭkaze por virinoj. Tio laŭvorte signifas "el/de (certa loko)", do estas analogo de franca "de" kaj germana "von". Tamen ne nepre homo kun tia finaĵo en la familinomo devenas el nobeloj: necesas atenti la menciitan lokon. Se tiu loko situas en certa regiono de Rusia Imperio, kie rajtis loĝi judoj (aliregione ili ne rajtis) — do la prapatro povis esti simpla judo...

Normale virino post edziniĝo prenas familinomon de la edzo (certe, kun aldonata "-a"), sed tio ne estas deviga — kelkfoje eĉ viro povas preni familinomon de la edzino, pro belsoneco aŭ aliaj kaŭzoj. Virinaj familinomoj havas nur unu formon (malkiel en Litovio), do ne eblas rekte diveni, ĉu Ivanova estas fraŭlino, filino de iu Ivanov, aŭ edzino.

Pluraj popoloj, delonge loĝantaj apud rusoj, alprenis rusan modelon de familinomoj. Krom tio, en Rusio troveblas ankaŭ alinaciaj familinomoj kun rekoneblaj finaĵoj: ukrainaj "-enko", kartvelaj "-ŝvili" kaj "-dze", armenaj "-jan" (nepre akcentata) kaj multaj aliaj sen specifaj finaĵoj. Ĉiuj alinaciaj familinomoj havas saman formon por viroj kaj virinoj kaj ne ŝanĝiĝas laŭ gramatikaj kazoj, se rilatas al virino (nerusaj viraj familinomoj, finiĝantaj per konsonanto, estas deklinaciataj samkiel ordinaraj vortoj).

Renkonteblas duoblaj familinomoj, kiel Voroncov-Veljaminov aŭ Miĥalkov-Konĉalovskij. Tiaj povas aperi, se geedziĝanta paro (pli frue — nobeloj, nun — "steluloj" de arto ks.) opinias ambaŭ siajn familinomojn gravaj kaj konservendaj. Dum pluraj jardekoj tia praktiko estis oficiale malpermesata, do tiaj kazoj tre maloftas.

La (antaŭ)nomoj, krom la ĉefa "pasporta" formo, havas ankaŭ multajn

diversajn formojn por specifaj kazoj. Apenaŭ ekzistas stabilaj terminoj por ĉiu speco, tamen mi provu klasifi.

## *Karesformoj*

Unika parto de la rusa nomsistemo estas ofte uzataj karesformoj de (antaŭ)nomoj. Ĉiuj nomoj havas karesformojn, formatajn diversmaniere. Tiel oni nomas infanojn, parencojn, proksimajn amikojn k.a. En iuj "ne tre oficialaj" dokumentoj pri infanoj (diversaj listoj en lernejoj ks.) tiaj nomformoj aperas anstataŭ la plenaj.

Por ruso ne estas problemo diveni karesformon laŭ "oficiala" (plena) nomo kaj male, sed por alinacianoj tio ofte estas enigmo. Al plena nomo Ivan konformas karesformo Vanja, Pjotr — Petja, Fjodor — Fedja, Miĥail — Miŝa, Sergej — Serjoĵa, Aleksandr — Saŝa. Kelkaj plenaj nomoj havas plurajn diversajn karesformojn, ekzemple Aleksandr povas esti ne nur Saŝa, sed ankaŭ Ŝura, Dmitrij — Dima kaj Mitja (la dua formo arkaikiĝas). Aliflanke, unu sama karesformo povas konformi al kelkaj plenaj nomoj, ekzemple Slava povas esti Vjaĉeslav, Jaroslav, Svjatoslav, Stanislav aŭ iu alia malnovrusa nomo kun tiu dua radiko (signifanta "gloro"). Virinaj nomoj: Anna — Anja; Marija — Maŝa, Manja, Marusja; Irina — Ira; Anastasija — Nastja, Natalja — Nataŝa, Ksenija — Ksjuŝa, Viktorija — Vika; Darja — Daŝa... "Paraj" plenaj nomoj ofte (sed ne ĉiam) havas saman karesformon por knabo kaj knabino, do ne eblas tutsimple diri, ĉu Valja, Ĵenja aŭ Saŝa estas li aŭ ŝi. Kelkaj nomoj ne havas karesformon, do ankaŭ infanon oni devas nomi per plena nomo — tiaj estas viraj Oleg, Gleb, Igorj; virinaj Maja, Vera, Nina, Marina, Inna kaj eble kelkaj aliaj maloftaj.

## *"Plikaresaj" formoj*

La supremenciitaj karesformoj de nomoj estas "bazaj", eĉ preskaŭ oficialaj por infanoj. Tamen en la rusa lingvo ekzistas multaj kares-sufiksoj, per kiuj eblas formi eĉ "plikaresajn" nomformojn, por alparoli intime amatan homon, ankaŭ gefilojn-genepojn, kaj en similaj specialaj okazoj. La formoj senfine varias: (Aleksandr(a) — Saŝa) — Saŝenjka, (– Ŝura) — Ŝurik (li), Ŝuroĉka; (Viktor — Vitja) — Vitenjka, Vitjuŝa; Vitalij — Vitalik. Same por virinaj nomoj: (Marija — Maŝa) — Maŝenjka, Maŝunja; (Tatjana — Tanja) — Tanjuŝa; (Tamara — Toma) — Tomoĉka. Uzado de tiu aŭ alia sufikso dependas de sonharmonio kaj simple tradicioj. Ankaŭ la nomoj ne havantaj "bazajn" karesformojn (t.e. se "baza" karesformo egalas al plena nomo) ebligas tion: Oleg — Oleĵek, Oleĵka; Gleb — Glebuŝka; Igorj — Igorjok; Marina — Marinoĉka, Mariŝa.

## *“Senestimaj” formoj*

Krom tio, ekzistas nomformo uzata por esprimi krudan familiarecon, malestimon aŭ neglektemon al konkreta homo. Tiaj nom-derivaĵoj formiĝas pli-malpli sammaniere, per enmeto de “-k-” al baza karesformo: Vanja — Vanjka, Slava — Slavka; Maŝa — Maŝka, Lena — Lenka, ktp. Tiel povas alparoli unu la alian “ne sufiĉe edukitaj” (t.e. normalaj) infanoj, tiel oni povas nomi en familiara parolo iun ne tre estimatan personon. Antaŭ jarcentoj nobeloj tiel alparolis siajn servistojn kaj iujn homojn de malaltaj klasoj.

En junulara medio viroj povas uzi kurtigitan formon de sia nomo, sen nuanco de kareso aŭ malestimo: Stanislav — Stas, Aleksej — Ljoĥa (komparu kun karesformo Ljoŝa). Tiaj formoj ekzistas ne por ĉiuj nomoj, do apud ili egale uzatas plenaj nomoj por viroj kaj bazaj karesnomoj por fraŭlinoj.

## *Alparoloj*

Tio, eble, estas la plej interesa kaj utila parto de nia esploro. En Rusio oni alparolas homon diversmaniere, depende de la aĝo, rango, grado de konateco, k.a. Onidire, tre komplika etiketo ekzistas en Japanio — sed en Rusio la sistemo estas ne malpli komplika. Ĉi tie fakte mankas oportuna ekvivalento por “sinjoro”: 19-jarcenta “sudarj” arkaikiĝis kaj nun aspektas ridinda; sovetia “tovariŝĉ” (kamarado) malaperis kun socialismo (tamen dume restas uzata en armeo: “tovariŝĉ kapitan” ks.), kaj “gospodin” ĝis nun sonas iom fremde-nenature. Ordinare oni komencas parolon al hazarda nekonata persono (post eventuala saluto) per simpla “bonvolu diri...” aŭ “estu afabla...” (sekvas demando aŭ peto). Do tre gravas scii nomon de persono kaj uzi ĝin en konvena formo. Certe, al eksterlandano oni pardonos neĝustan elekton de alparolo — sed ĉiakaze estas interese diveni interrilatojn de homoj laŭ ties dialogo. Do, nuntempe oni povas alparoli aŭ mencii ruson:

– per plena nomo kun patronomo (Valentin Viktoroviĉ): la plej baza kaj estima (almenaŭ, formale) varianto. Tiun oni uzas en oficialaj aferoj, tiel oni alparolas personon pliaĝan kaj ne sufiĉe konatan, estron, ajnan altrangulon. Same tiel infanoj nomas instruiston.

– per nura plena nomo (Valentin): personon relative junan (ĝis 40 jaroj, ni diru) kun kiu oni ne havas proksimajn rilatojn.

– per “baza” karesnomo (Valja): infanojn (ankaŭ en lernejo) — sed la aĝlimo varias. Fremdan junulon jam post 16-18-jariĝo preferindas voki per plena nomo, sed se vi iun konas ekde ties infanaĝo — vi plu povas voki lin per baza karesnomo. Normale 18-20-jara viro prezentas sin per plena nomo, sed junulinoj povas prezenti sin karese eĉ en 30-jara aĝo, kaj atendi tiuforman alparolon. Ne mirinde, ja virino ĉiam strebas aspekti pli juna... Gepatrojn-

geavojn oni alparolas simple — “panjo”, “avo”; geonklojn kaj aliajn pliaĝajn parencojn — per baza karesnomo kun aldono de parenceco: onklo/oĉjo Vasja, onjo Tanja. Samaĝajn kaj malpli aĝajn “flankajn” parencojn — per baza karesnomo.

– per nura familinomo (Melnikov): en 19-a jarcento tio estis baza formo de alparolo por konatoj (sed ne proksimaj amikoj), sed nuntempe ĝi aspektas kiel emfaze malestima. Aldono de “tovariŝĉ” aŭ “gospodin” antaŭ la familinomo mildigas la krudecon, sed faras la tonon seke oficiala.

– per nura patronomo, kutime reduktita (preterlasata interna “ov” aŭ “jev”: Sergeeviĉ –> Sergeiĉ; Ivanoviĉ –> Ivanyĉ; en kelkaj patronomoj, kiel Petroviĉ, Iljiĉ, tia redukto ne eblas): tiel oni nomas aŭ alparolas personon aĝan, sed simplan, ne havantan altan postenon, estimatan pro vivosperto ks., per tia formo oni esprimas samtempe estimon kaj proksimecon. Tiu formo arkaikiĝas, kaj nun inter intelektuloj uzatas duonŝerce, sed inter kamparanoj plu kutimas.

Specifan uzadon de aliaj nomformoj mi menciis en koncernaj paragrafoj.

Indas aldoni, ke rusa lingvo klare distingas inter “ci” (ruse — “ty”) kaj singulara “vi” (“vy”). Al “plikaresaj” kaj “senestimaj” nomformoj konvenas nur “ci”, al nomo+patronomo nur “vi” (krom maloftega kazo de familiara parolo inter egaluloj, ĉiu el kiuj pro aĝo kaj posteno meritas nepran alparolon per nomo+patronomo), kun la ceteraj nomformoj elekto inter “vi” kaj “ci” dependas de la aĝo kaj grado de proksimeco. Rusa “ci”, depende de nuancoj, povas esprimi kaj intimecon, kaj malestimon.

Espereble ĉi tiu artikolo iom helpos al vi orientiĝi en rusa medio — en la vivo kaj en beletro...

---

# humuro

## Pri la boac(in)oj de la Kristnaska viro.

**de Siv Burell** (Svedio)

Kaj virboacoj kaj boacinoj ricevas siajn kornojn somere. La virboacoj faligas la siajn komence de la vintro.

La inoj retenas siajn kornojn ĝis ili estos naskintaj boacidojn printempe.

Tio signifas, ke ĉiuj boacoj de la Kristnaska Viro estas inoj.

Oni devus kompreni tion.

Devas ja esti inoj kiuj sukcese povas:

…treni grasdikan ruĝvestitan viron al ĝustaj adresoj ĉirkaŭ la tuta tero, dum unu nokto, sen perdi la vojon.

# recenzo

## Pri La "Aksa Epoko"

Karen Armstrong, *The Great Transformation,* Atlantic Books, London, 2006.

**Recenzas Trevor Steele**

Unu el la plej renomaj nuntempaj esploristoj sur la kampo de la historio de religioj estas la anglino Karen Armstrong, iama katolika monaĥino. Eble la plej konata libro de Armstrong estas *The Great Transformation* (La granda transformiĝo), en kiu ŝi prilaboris la opinion de la germana filozofo Karl Jaspers, ke okazis en la sepa ĝis kvina jarcentoj antaŭ Kristo serio da mirindaj spiritaj progresoj en kvar mondopartoj: Ĉinio, Hindio, Izraelo, kaj Grekio. Jaspers elpensis la terminon "Aksa Epoko": turnopunkto de la historio.

Karen Armstrong donis historion de la spirita, morala evoluo en la kvar landoj kaj fine elektis po unu reprezentanton de la kvar kulturoj: Konfuceon, Budhon, Jeremion, kaj Sokraton.

Ni en okcidentaj landoj ne kutimas pensi pri Konfuceo kiel granda religia figuro, kaj direndas, ke kompare kun la tri aliaj elektitoj de Karen Armstrong Konfuceo okupiĝis ekskluzive pri tiu ĉi mondo. Li ne diris, ke ne ekzistas dioj aŭ ke postmorta vivo estas iluzio, sed li simple ne volis pensi pri tiaj temoj: la problemoj de la nuna vivo estas ja sufiĉaj! Konfuceo strebis esti akceptita kiel klerulo ĉe iu ajn el la tiamaj ĉinaj regnetoj, sed sensukcese: manke de tia sukceso li dediĉis sin al instruado de disĉiploj. La epoko estis tumulta, militoj kaj maljusteco estis ĉiutagaĵoj grandparte pro la egoismo de la ambiciaj elitaj familioj. La solvo, Konfuceo instruis, estas reiri al tradiciaj ritoj kaj kutimoj, kiuj bone servis por mildigi la ferocajn pasiojn de regemuloj. Tiuj tradiciaj moroj kaj ritoj ne estis nur senviva regularo, sed enhavis la esencon de saĝeco el pli bonaj epokoj. Do multrilate Konfuceo estis konservativa pensulo, sed aliflanke li estis tre revolucia per tio, ke li instruis, ke ĉiuj sociaj tavoloj rajtas kaj devas partopreni en publika vivo kaj decidado. Kvankam li ne volis paroli pri dioj, li diris, ke se ili ekzistas, la plej bona servado al ili estas servi al niaj kunhomoj kun respekto kaj malavaro. Ŝajnas, ke Konfuceo estis la unua, kiu esprimis version de la "ora regulo": *Neniam faru al aliulo ion, kion vi ne volus, ke li faru al vi.* Onidire Konfuceo estis ege afabla homo, pacienca, trankvila, kaj saĝa.

Konfuceo ne volis okupiĝi pri mondo alia ol la nun ekzistanta materia, sed Budho konkludis, ke la celo de la nuna vivo estas eskapi el la doloroj kaj tragedioj de la nuna mondo. Profunda meditado donas al ni la komprenon, ke la materia mondo ne estas tia solidaĵo starigita sur rokoj, kia ĝi ŝajnas. Fakte ni strebu leviĝi super la melankolia ciklo de naskiĝo, vivo, suferado kaj morto, kaj

atingu *Nirvana,* staton de paco kaj trankvilo kaj libereco el la katenoj de la individua ekzisto. Iom paradokse: nur kun tia pensofono ni povas inde vivi tie ĉi kaj nun. Budho instruis, ke liaj disĉiploj superu la limigojn de sia egoo; la ŝlosilo estas kompato kun aliaj homoj, kun bestoj, plantoj, kun la tuta kreita mondo. Kvankam lia fokuso estis alia mondo ol la nuna, Budho neniam diskutis la demandon, ĉu ekzistas dio(j). Sed entute li malofte donis rektan respondon al demandoj. Li volis, ke ĉiu homo mem malkovru respondojn – kiel la spertoj de alia homo povas validi por mi? Same kiel Konfuceo – kaj ĉiuj homoj de la "Aksa Epoko" – Budho travivis violentajn tagojn kaj jarojn. Sed laŭdire lia personeco estis tiel dolĉa, trankvila, tiel malfermita al la zorgoj de aliaj, ke oni rigardis lin oazo de sereneco en brutala mondo. Nelonge antaŭ lia morto bramano demandis Budhon, ĉu li estas anĝelo aŭ dio. "Nek nek," respondis Budho. "Sed memoru min kiel homon vekiĝintan." Se uzi modernan terminon, Budho estis homo, kiu grandparte realigis sian psiĥan potencialon.

Kial la juda profeto Jeremio estas en la listo de la herooj de la Aksa Epoko? PIV difinas "jeremiadon" kiel *longa lamentado.* Sed Karen Armstrong asertas, ke Jeremio ne estis simple plendema, li pravis en siaj konsiloj kaj plendoj, li kuraĝis diri veraĵojn nebonvenajn al la oreloj de la regantoj. La historia situacio estas tia ĉi: la malgranda juda ŝtato Judujo estis daŭre minacata de la imperia potenco Babilonio. La cirkonstancoj en Judujo mem estis tre malbonaj: grandaj diferencoj de materia vivnivelo inter la potenculoj kaj la malriĉuloj, koruptado kaj maljusteco. Antaŭ ol la babilonianoj invadis kaj venkis, la altranguloj inter la judoj kredis, ke dum Jahveo tronas en Jerusalemo, Lia popolo estas sekura kontraŭ la malamikoj. Jeremio malamis la rolon, pri kiu li kredis, ke Dio postulas ĝin de li, sed li devis insiste diri al la judoj, ke ili alfrontu la veran situacion, ke ili ne povas rezisti la potencon de Babilonio. Li admonis ilin krome starigi justecon en la propra landeto kaj penti pro la multaj krimoj farataj al la malriĉuloj, ke ne atendi, ke ilia triba dio aŭtomate defendos ilin, kiel ajn ili mem agus. Ili vidu la veron kaj agu laŭ ĝi!

Nu, la sinteno de Jeremio certe estis pli matura kaj realisma ol la aroganta triba religio, kiun li oponis, sed mi ne povas konsenti kun Karen Armstrong, ke lia mesaĝo metas Jeremion sur la saman nivelon de spirita evoluo kiel Budho aŭ eĉ Konfuceo. Sajnas al mi, ke la veraj apogeoj de morala evoluo en Izraelo venis kun Hillel kaj Jesuo.

La kvara membro de la elektita kvaropo de Karen Armstrong estas Sokrato, tempe kaj kulture pli proksima al ni. Sokrato vivis en ege konkurencema socio: la grekoj estis tre militemaj kaj revis pri heroaĵoj sur batalkampo; ili ege volis venki aliajn sur sportareno; ilia glora arto celis venki rivalojn; unu el iliaj pasioj estis venki en filozofia debato; kaj ili eĉ okazigis ion similan al niaj vulgaraj "beleckonkursoj", kaj viroj same kiel virinoj volis aspekti kaj sin vesti pli bele ol

la ceteraj. Sokrato estis okulfrapa esceptulo. Li portis nur etkostan robon. Li estis onidire aparte malbela: la kapo tro granda por la mallonga, fortika korpo; liaj okuloj estis grandegaj kaj elstaris, kaj liaj naztruoj estis multe tro grandaj. Sed li mokis tiutempajn modojn: li asertis, ke liaj okuloj vidas pli ol tiuj de aliaj homoj kaj do estas pli belaj, kaj same liaj naztruoj enprenas pli kaj do estas pli belaj. Li iam aldonis, ke li devus ricevi premion kiel la plej saĝa homo en Ateno pro tio, ke li scias, ke li nenion scias, dum aliaj ne konscias pri sia senscio.

Mi suspektas, ke la "sokrato metodo", kiu povas ŝajni tede tro insista, spegulas lian senson por humuro. Li daŭre boris per "kial"-demandoj, neniam akceptante sendiskute ian ajn opinion, kaj samtempe montris, kiel malprofundaj kaj subjektivaj estas la plej multaj kredoj kaj opinioj. Kontraste al pli fruaj grekaj filozofoj, kiujn plej interesis la konsisto de la materia universo, Sokrato koncentriĝis pri la homo kaj homa socio. Li turnis sian fokuson internen kaj formulis la sentencon *konu vin mem*. Kono pri si mem estas la bazo de ĉiaj aliaj scioj, kaj neniu alia homo povas tion fari por vi.

Sokrato estis ankaŭ heroo novspeca. Iam la atena militŝiparo batalis sur ŝtorma maro. Multaj maristoj falis enmaren. La atenaj ŝipoj venkis en la batalo, sed la ŝipestroj decidis, ke necesas savi la restantajn maristojn per tuja reiro al la haveno de Ateno: la viroj en la maro dronis. Alveninte en Ateno, la ŝipestroj esperis akcepton de venkintoj, sed la kolero pri la perditaj maristoj estis tiel granda, ke oni ĵetis la ŝipestrojn en karceron kaj okazigis baloton por decidi ĉu ilin ekzekuti. Rajtis baloti ĉiuj – tio estas, ĉiuj viroj, kiuj ne estis sklavoj. Estiĝis histeria kaj unuanima kampanjo kontraŭ la karceruloj. Ĉiuj voĉdonis por ekzekuto. Ĉiuj krom la malbele vestita Sokrato, kiu kuraĝis diri publike, ke la kolerego estas malracia kaj profitas al neniu, certe ne al la dronintaj maristoj. Atena demokratio povis degeneri en amasan histerion, kaj multaj volis linĉi Sokraton, sed la filozofo rifuzis ŝanĝi sian opinion aŭ silenti.

Ni scias, ke finfine la malamikoj de Sokrato mortkondamnis lin pro du krimoj: ke li koruptas la junularon de Ateno kaj ke li estas malpiulo kontraŭ la dioj. Certe lia kuraĝo kaj korboneco altiris al li sekvantaron el junuloj (inter kiuj plej famas nun Platono), kaj certe li stimulis la junulojn ne akcepti la dogmojn de la potenchavuloj. Jen koruptado ... Pri la malpieco de Sokrato ni havas malpli da informoj, sed facile imageblas, ke lia tuta rezonmaniero ridindigis kredon je la lascivaj, ho-tro-homaj dioj de tiu epoko.

Oni supozas, ke Sokrato povintus savi sian vivon per ia kompromiso aŭ per ekzilo aliloke, sed li trankvile restis en Ateno kaj akceptis la maljustan verdikton. Fakte lia nobla morto estis epokofara. Ne plu plej gravis heroaĵoj sur batal- aŭ sportareno aŭ debatejo. La kuraĝo vivi kaj morti pro siaj konvinkiĝoj estis rigardata la plej nobla formo de kuraĝo. Krome, tiu morto kronis la reputacion de Sokrato tiel, ke eterne li restos *la* filozofo de la okcidenta mondo.

La plej interesa parto de *La granda transformiĝo* ne estas la portretoj de la steluloj de la Aksa Epoko, sed la historio de antaŭaj evoluoj, kiuj kondukis al la altaj pintoj.

Karen Armstrong alfrontas la demandon, ĉu entute havas sencon okupiĝi en nia krizoskuata jarcento pri tiel foraj epokoj de la homa evoluo. Ĉu nur muzea okupiĝo? Karen Armstrong forte neas tion:

*Minacas ekologia katastrofo, ĉar ni ne plu vidas la teron kiel sanktaĵon sed kiel simplan "rimedaron". Se ne okazos ia spirita revolucio ... estas neprobable, ke ni savos nian planedon...*

*La profetoj, mistikuloj, filozofoj, kaj poetoj de la Aksa Epoko estis tiel progresintaj kaj ilia vizio tiel radikala, ke postaj generacioj emis ĝin dilui. Farante tion, la posteuloj ofte produktis ĝuste tian religiemon, kian la aksaj reformistoj volis forigi. Jen kio okazis, mi kredas, en la moderna mondo. La aksaj saĝuloj havas gravan mesaĝon por nia epoko, sed iliaj vizioj surprizus – eĉ ŝokus – multajn, kiuj sin kredas religiuloj hodiaŭ. Ekzemple, oni ofte supozas, ke fido estas kredo je kelkaj kredodeklaroj. Jes ja, oni kutimas nomi religiajn homojn "kredantoj", kvazaŭ konsento al kred-eroj estus ilia ĉefa aktivado. Sed grandparte la aksaj filozofoj tute ne interesiĝis pri doktrinoj aŭ metafiziko. La teologiaj kredoj de homo estis tute seninteresaj al tia homo, kia Budho. Kelkaj saĝuloj firme rifuzis diskuti teologion, dirante, ke ĝi estas distra kaj damaĝa...*

*Kio gravas, estas ne kion vi kredas, sed kiel vi kondutas ... La sola maniero renkonti tion, kion ili nomis* Dio, Nirvana, Bramano *aŭ* La Vojo, *estas vivi kompatoplene. Efektive, religio laŭ ili* estas *kompato.*

---

# spritaĵo

## Citaĵo el "OYLEM GOYLEM" fare de Moni Ovadia:

Rakontisto estas vendisto de ombroj.
Al kiu li vendas siajn ombrojn?

Al homoj kiuj perdis ĝin.

Ombron oni perdas pro tro da lumo, pro tro da mallumo…

Pro tro da malvirto aŭ tro da virto.

Memkompreneble estas, ke bonŝance, liaj plimultaj klientoj falas en la kategorion de malvirtuloj: ĝuste pro tio ili estas multe pli interesaj.

# geografio



## Malto[1]
## de Carmel Mallia (Malto)

*Kio? Kie?*

Ne malmultaj asertas, en la nuntempa mondo jam fariĝinta unu vilaĝo, ke ili ne scias — kaj tio sincere — kie troviĝas Malto. Nediskuteblas, ke tio ne estas nepraĵo en la vivo. Neeblas scii ĉion. Sed permesu al mi diri, ke, se oni rigardas grandajn mapojn, ĉar en malgrandaj kompreneble ĝi certe ne troviĝas, ĝuste sub Sicilio oni rimarkas punkteton. Jen la eta malta teritorio kun areo de 316 kvadrataj kilometroj, ampleksanta Malton, la plej grandan, kaj la aliajn insulojn, nome Għawdex[2] (kelkfoje nomata Gozo) kaj Kemmuna (kelkfoje nomata Komino). Troviĝas ankaŭ Filfla, neloĝata insuleto sude de Malto. La tuta teritorio situas ĉ.100 kilometrojn for de Sicilio, kaj ĉ. 300 kilometrojn de Tunizio.



Ĉi tiu arkipelago estas lavata de la mediteranea maro, ankaŭ ĝi lavas la landlimojn de tri kontinentoj: Afriko, Azio kaj Eŭropo. La mediteranea maro, signifanta ĝuste: "meze de la tero", situas meze inter ĉi tiuj kontinentoj.

La unuan fojon, kiam oni renkontis la nomon Malto estis per la romiaj moneroj, kiuj surportis punikan skribaĵon. Iuj deĉifris la vorton, kiel AMUN, signifantan ŝipon; aliaj legis ĝin kiel AJNUN, signifantan fiŝon. Verdire, Malto havas kaj fiŝ- kaj ŝipformon. Krome, sur amforo trovita en Vulci,[3] Italujo, fabrikita en ĉ. 500KE, oni trovis la nomon MELITE aŭ MELITAIE, nomon trovitan ankaŭ ĉe grekaj aŭtoroj. Tamen certas, ke la Fenicoj nomis Malton foje MELITAH foje MALTA. Tio nepre indikas, ke, sola meze de la maro, la malta arkipelago estas la kvintesenco de la mediteraneaj etoso kaj kulturo.

Historie, Malto okupas pozicion tute misproporcian rilate al sia amplekso. La kialo de ĉi tio estas la fakto, ke la insularo kvazaŭ egaldistancas de Gibraltaro je unu flanko, kaj de Kipro je la alia, kaj ankaŭ la fakto ke ĝi regas la ĉefajn komercvojojn inter Nordafriko kaj Sicilio.

---

1 Tirita el la prelego legita en la UK de Montpeliero (1998) kiu havis kiel temon: "La Mediteraneo, ponto inter kulturoj."

2 Pr. Aŭdeŝ

3 Pr. Vulĉi

Sed antaŭ ol daŭrigi, permesu al mi rakonti kuriozan okazintaĵon. La 25an de marto 1945, la jugoslavia futbalteamo *Hajduk* ludis kontraŭ la maltan nacian teamon en Malto mem, kiu tiutempe estis regata de la angloj. Kiel okazas antaŭ ĉiu futballudo, tiam la armea muzikistaro ludis la ĉiuflankajn himnojn. Sed ĉifoje ili aŭdigis nur la anglan kaj jugoslavian himnojn. Kompreneble, la maltanoj atendis senpacience la muzikon de sia propra nacia himno. Oni kriadis, protestis. Sed vane. La maltan himnon oni ne aŭdigis. Subite, kiel infesta akridaro, ĉiuj en la ludejo stariĝis, unuvoĉe kantante la maltan, sian, nacian himnon, kompreneble en la malta lingvo.

Tio okazis ĝuste dek naŭ jarojn antaŭ la malta sendependeco, okazinta en la jaro 1964. Inspirite de la okazintaĵo, kvazaŭ por memorigi la ribeleman karakteron de la protesto, unu el la maltaj poetoj, Rużar Briffa (1906-1963) verkis poemeton, kies titolo estas: *La Malta Himno kaj la Popolamaso*, kiun mi tradukis, kaj kiu troveblas en mia *Antologio de Maltaj Poetoj*[1]. Jen la poemo:

*Ekribelis la popolo, kaj per kri', unuanime*
*"Malta estas mi!" deklaris; "Fi al kiu malestime*
*Min mokridas," dum enĥore la amaso tra l'aero*
*Disaŭdigis sian himnon. La kriego kun fiero*

*Ektriumfis kontraŭ timo de l'pasinto apatia*
*Kiam nia menso pensis laŭ ordon' alinacia.*

*La fantomo de Vassalli eltombiĝis kaj, feliĉa,*
*Kriasertis: "Fine ekkaresos min seren' sufiĉa!"*

Notu bone, ke en ĉi tiu poemeto menciiĝas Vassalli (1764-1829). Li estis tre klera malta lingvisto, kiu, dum la kavalira periodo en Malto, studis en Romo la semidajn lingvojn, de kiuj devenas la malta lingvo. Dum sia vivo, Vassalli protestadis kontraŭ la kavalira subpremado kaj kontraŭ la manko de la popola instruado rilate precipe la maltan lingvon. Nomita "Patro de la malta lingvo" kaj "Patro de la malta nacio", li estis dufoje arestita pro siaj kulturemaj protestoj: la unuan fojon sub la kavaliroj, kaj la duan sub la angloj. Ankoraŭ ne venis la tempo por frakasi la subulajn katenojn. Eble tiu futballudeja popolribelo estis unu el la instigaj paŝoj por realigi la revon de Vassalli, nome por ĝui la estimon de sendependeca nacio prizorganta siajn proprajn naciajn lingvon kaj teron.

Mi rakontis ĉi tiun epizodon por montri unu el la trajtoj de la malta popolo,

[1] Vidu la Librokatalogon de UEA, sub: "Poezio"

t.e. la ribeleman karakteron antaŭ subpremantaj kaj humilige suferigaj situacioj. Tio okazis plurfoje dum la malta historio, kiel mi baldaŭ montros.

La maltanoj parolas semidan lingvon, kies fonetiko, fonologio kaj sintakso estas baze arabaj. Nu, sur ĉi tiu bazo, oni konstruis latinidaĵojn. Nuntempe, la leksikono registras multajn italajn kaj anglajn vortojn; eniretis ankaŭ kelkaj hispanaj kaj francaj vortoj, krom modernaj frazkonstruoj malsimilaj al tiuj arabaj. La maltan lingvon oni skribas latinlitere.

Ġorg[1] Pisani, malta poeto (1909-99) laŭdis Mikiel Anton Vassalli per unu el la plej belaj sonetoj en la malta lingvo, kiun mi tradukis kaj kiu troveblas en mia *Antologio de Maltaj Poetoj*[2]. Jen ĝi:

### *Al Mikiel Anton Vassalli*

*Ripozas viaj ostoj nun feliĉe,*
*Nobla maltan' kaj nia patr' unua;*
*Ne mortis via sonĝ' kun vi perdiĝe:*
*Sur niajn mensojn restas ĝi influa.*

*Kiu persekutadis vin sufiĉe*
*Al l'eksterul' honore, memdetrua*
*Hodiaŭ li rampiras senkondiĉe*
*Venkita malriĉulo surgenua.*

*Nin unuigis nur komunfervoro*
*Ja frakasante de l'antaŭa Malto*
*L'amarkatenon de l'servutangoro.*
*Baldaŭ al ni aperos novaŭroro.*

## *Kosmopolita kvankam mediteranea*

Fajrero kiu iĝis flamego estis la movado pri la alproksimigo de la malta lingvo al la popolo, laŭ la deziro de multaj sed precipe de Vassalli. Antaŭ la lasta mondmilito, la maltaj kleruloj dividiĝis en du kontraŭaj batalkampoj: unuflanke, la sentimentaluloj favorantaj la italajn kulturon kaj lingvon; aliflanke, tiuj kiuj ekskluzive favoris la maltajn kulturon kaj lingvon. Nu, la italoj ĉiam nomis la mediteraneon "*mare nostrum*" (nian maron) rigardante Malton, kiel "*Malta irredenta*" (Malton por ni perditan). Estis pro tio, ke la malta nacia poeto Dun Karm (1871-1961) prave vipis per sia tre konata poemo: *Kial?*, riproĉante:

[1] Pr. Ĝorĝ
[2] Mendebla ĉe UEA

*Patrinan lingvon kial vi forĵetis,*
*Troa amant' de lingvo alilanda?*
*Maltlingve vi unue balbutetis,*
*Maltlingve vi parolis, knabo danda.*
.......
*Do kial vi perfidas, frat' simila,*
*Ĉi lingvon al ni ĉuj ege karan?*
*Fremdlingvo belas se al vi utila,*
*Sed ne forĵetu la familiaran.*

Estis ankaŭ pro tio, ke aliaj maltaj kleruloj, same kiel faris Vassalli antaŭe, kuraĝigis la popolon ribeli kiam necese. Sed por fari tion, la popolo devis forĵeti sian obstinan obskurantismon, riĉigante sin per la Lumoj celantaj la plej altajn ŝtupojn de materiala kaj morala progreso. Unu el tiuj kiuj instigis la popolon al kultura revivigo estis la verkisto Ġwann[1] Mamo (1886-1941) kiu esprimis sian kritikon de la tiutempa malta socio, kondamnante kaj la regintojn kaj la regitojn, per la jenaj admonaj versoj, de mi tradukitaj:

*Antaŭuen, maltanoj, kuraĝon!*
*Antaŭen, ho karaj, sentime!*
*Ni iru kun forta decido*
*Al scioakiro pilgrime.*
......
*Ni estu ĉe l'rangoj unuaj!*
*Ni frontu la venton, ho frat'!*
*Ni armu nin ĉiujn survoje*
*ĉar estas malglata la strat'.*
......
*Ni estu senhontaj, eĉ antaŭ*
*La povo de l'eksterlandan';*
*ĉar kiu postkuris la Lumon*
*fariĝis potenc-uragan'.*

*Antaŭen do, karaj maltanoj;*
*Ne vivu plu kiel azenoj;*
*Mallumo signifas malsaton;*
*Forestu malsano, katenoj!*

Bedaŭrinde oni devis atendi la jaron 1934, kiam okazis historia fenomeno, hontinda por la maltanoj. Ĉar devis esti la angla registaro de la insulo, kiu proklamis kaj leĝigis la uzon de la maltaj alfabeto kaj ortografio, jam establitaj

[1] Pr. Ĝuàn

antaŭe de la Asocio de Maltaj Verkistoj, poste la Akademio. Evidentis, ke la angloj faris tion por neniigi por ĉiam la plurjarcentan influon de la itala kulturo en Malto, inkluzivante tiun anglan.

Post la dua mondmilito, pli precize en 1947, la angla registaro permesis novan konstitucion, kiu bedaŭrinde estis retirita en 1958.

De la nova konstitucio de 1947 ĝis la Sendependeco de 1964, de 1975, la jaro de la novbakita Respubliko ĝis la jaro 1979, kiam la lasta angla soldato forlasis Malton, la malta ekonomio iom post iom establiĝis per la turisma industrio, per la ŝipriparejo, la terkulturo, la filmindustrio, kaj la fiŝkaptado.

Kiel sunbrila insulo, nomita de Homero "la umbiliko de la mediteraneo", moderna Malto prezentas novan vizagon.

La malta ĉefurbo La Valeto estis en 1998 deklarita kiel "la kultura ĉefurbo de Eŭropo". En sia malgrandeco, ĝi fieras pri ĉirkaŭ 350 historiaj monumentoj. Deklarita ankaŭ kiel tutmonda heredaĵo, ĝi estas vere glora trezorejo, kiun oni ne povas viziti dum unu, du, tagoj, kiel faras kutime pro tempomanko la turistoj. Tie, ĉiu strato, ĉiu angulo, ĉiu placo, rakontas sian apartan historieton. Konstruita sur elstara promontoro inter du havenoj, La Valeto konservas la restaĵojn de la plej gravaj kavaliroj kaj de la Grandmajstroj regintaj Malton dum pli ol 200 jaroj.

Hodiaŭ Malto estas sendependa kun loka registaro. Dum la fizika korpo de la loĝantaro restas sur ĉi tiu roko, iliaj ambaŭ manoj etendiĝas unu al Eŭropo kaj la alia al la aliaj mediteraneaj landoj. Tiel, la loĝantara kulturo dum jarcentoj elsuĉis el ambaŭ.

Multaj prave rimarkas, ke Malto estas la kvintesenco de la eŭropaj kaj de la mediteraneaj vivmanieroj, filozofio kaj ideologio, se oni riskas uzi ĉi tiun lastan vorton en niaj modernaj tempoj, kiam la ideologio-muroj estis unufoje por ĉiam disbatitaj, almenaŭ teorie. Estas sensencaĵo eĉ mencii ĉi tiun vorton: "ideologio", precipe se oni akceptas la fakton, ke ĉiu homo pravas en sia kontestado pri io ajn, tiel povante deklari: "mi estas libera, mi estas monda civitano, mi pensas kion mi volas, sendepende de alies sinteno kaj penso, kondiĉe ke mi ne malhelpas aŭ stumbligas aliajn per miaj pensoj, vivmaniero, ktp." Eble ĉi tie kuŝas la eraro de la moderna homo, nome, lia freneza individualismo, senkonsidere de la ĉiutaga medio kaj de la ĉirkaŭaj kunvivantoj. Ĉu ĉi tie ne multe helpas, precipe al ni, la zamenhofa *Homaranismo*, kiun multaj, en nia nuntempo, volas detruige kalumnii kaj nigrigi?

Sed eble mi devojiĝis! Nu, mi estis diranta, ke en sendependa Malto la maltanoj, vole-nevole, ne povas resti solaj, kiel fakte ili neniam solis. Cetere, ilia pozicio en la mediteranea etoso ne permesas al ili tiun sintenon.

Eble unu ekzemplo sufiĉas por pruvi tion. Mi menciu nur la modernan

tendencon ĉe la beletra kampo. Samkiel la artistoj kaj verkistoj alilandaj, la maltaj artistoj kaj verkistoj rigardas la mondon el tute nova perspektivo. Ankaŭ maltaj romanistoj, inkluzive de mi mem, nuntempe verkas kompreneble maltlingve, kvankam ne nur maltlingve, psikologiajn romanojn. La nuntempaj maltaj skulptistoj kaj pentristoj povas senhonte apudiĝi siajn eksterandajn fratojn. Tio validas ankaŭ por alispecaj verkistoj kaj muzikistoj.

Tion certe kaŭzis la lasta mondmilito, kiu deŝiris la izolajn bastionojn, ĉirkaŭantajn la maltajn urbojn, por enlasi la plej freŝajn, energi-plenajn kaj surprizigajn, ventoblovojn rajdantajn la modernajn ondojn de la kultura kaj intelekta maro. Tion certe oni ne povis rezisti. Sekve, ekde tiam, Respublika Malto ĉesis esti nur mediteranea insularo, sed fariĝis pli proksima amikino kun ĉiuj landoj por pli esperiga kunvivado, sed precipe ekde la jaro 2004, kiam ĝi fariĝis parto de la Eŭropa Unio kaj precipe en 2008 kiam ĝi ekcirkuligis la monon "eŭro". Malgraŭ tio, ĝi ne hontas esti parto de la mediteraneo, ponto inter kulturoj, aŭ, kiel oni legas sur kompakta disko de la muzikaj *Manuskriptoj de Malto* ĉe la pariza studio SM: "La malta arkipelago reprezentas la plej respektindan koncentriĝon de la monda civilizacio."

---

# poezio

## Poemo

**de Anneke Schouten-Buys**

**kojnoskribo**

perkojne li surskribis
molan argilon, lasis signojn
al vetero, vent' kaj sorto

angula enigmo
bizara torturilo
alkroĉe restas en kleraj
cerboj, postulas ekspliko n

kunmetitaj pecoj
elmontras agon
kaj konduton

lia naturo restas
al ni kaŝita

## Solvo

por la enigmo sur paĝo 4

1. La sinjorino atendas, ĝis la akvo ekbolas, kaj enmetas en ĝin la tri ovojn. Samtempe ŝi renversas ambaŭ sablohorloĝojn.



2. En la momento, kiam B malpleniĝas (do pasis 7 minutoj), ŝi denove renversas ĝin. En tiu momento en A restas ankoraŭ 4 minutoj da sablo (11 - 7).

3. En la momento, kiam A malpleniĝas (do post 11 minutoj), ŝi denove renversas la sablohorloĝon B. Tial la sablo jam pasinta en ĝian malsupran parton dum 4 minutoj, reiras supren.



4. En la momento, kiam la sablohorloĝo B malpleniĝas entute, pasis ekzakte 15 minutoj (11 + 4), kaj sinjorino Kikerinski forprenas el la akvo la tri ovojn  kaj portas ilin al la grafo, kiu kontente manĝas ilin, laŭdante ŝin pro ŝia kuireja arto.

## se ankaŭ vi

deziras aperigi verkon vian en *Mirmekobo*, bonvolu sendi ĝin al la redaktoro. Ju pli da variado de artikoloj, des pli interesa la revuo. Adreso:

mirmekobo@mac.com

# persona sperto

## Vera

**de Irina Mironova** (Ruslando)

Ni konatiĝis pli ol 40 jarojn antaŭe, kiam mi aliĝis Kemerovan muzikkolegion. Mi trafis en komunloĝejo en grandan ĉambron, kie loĝis preskaŭ 30 knabinoj. Tie dense staris litoj, inter kiuj lokiĝis nur malgrandaj ŝranketoj. Iu ajn manĝaĵo, restinta en ŝranketo, tuj ekestis komuna, kaj la mastro, revenante hejmen, povis trovi nur spurojn de ĝi. Vera, same kiel mi, la unuan fojon loĝis en tiaj teruraj kondiĉoj, sed baldaŭ alkutimiĝis. Ŝi venis el urbo Osinniki kaj lernis en piana fako, kaj mi venis el urbo Belovo kaj lernis en muzikteoria (muzikologia) fako.

Ĉar en la ĉambro oni ne povis normale prepari lernobjektajn taskojn, do ni estis devigitaj vekiĝi frumatene (je la 5.30), gimnastiki, lavi sin per malvarma akvo kaj post 40-minuta piedpaŝado okupi iun ejon en nia muzikkolegiejo, en kiu ni restis ĝis malfrua vespero krom kelkaj horoj, kiam ni lernis en grupoj kaj sole. Samtempe kun grupaj kaj individuaj lecionoj ĉiuj ejoj estis okupitaj. Nur post proksimume la 16-a horo ni povis denove okupi niajn klasĉambrojn kaj fari ĉion por bona lernado: pianludi, fari harmoni-, sofeĝi- kaj ali-taskojn!

Vera estis alta knabino kiu similis al knabineto, kiu jam elkreskis, sed ne formiĝis kiel virino. Ŝia vizaĝo estis kovrita de lentugoj. Ŝi havis nesveltajn krurojn, pro kiuj ĉiutage dum kelkaj jaroj ŝi faris specialan gimnastikon kaj finfine atingis krur-sveltecon. Ŝi naskiĝis en granda familio, kie ĉiu familiano alkutimiĝis ĉion fari mem kaj helpi al malpli aĝaj. Ŝiaj gepatroj estis sufiĉe aĝaj (almenaŭ tiam al ni ŝajnis tiel), sed ili havis ankoraŭ filinon malpli aĝan, ol Vera.

Post duonjaro ni transloĝiĝis al nova komunloĝejo, kiu situis en novkonstruita kvinetaĝa muzikkolegio. Tie oni povis loĝi po 5 personoj en sama ĉambro. Min kaj Vera-n jam delonge fiksis Adelʼ, kiu estis praktikema kaj memstara. Ŝi estis orfo kaj ekde infaneco loĝis en Infana domo; poste, kiam ŝi trafis la muzikkolegion (akordiono), ŝi luis loĝĉambron, poste ŝi loĝis en sama komunloĝejo, kiel ni.

Ŝi proponis al ni loĝi en ŝia ĉambro, sed postulis, ke ni nepre ĉiumatene kune gimnastiku, kuradu ĉirkaŭ nia distrikto kaj duŝu nin per malvarma akvo. Al ni tiu postulo tre plaĉis kaj ni kun plezuro konsentis. Krom ni en la ĉambro loĝis ankoraŭ du kvarkursaninoj, Olga kaj Galja. Ili vivis propran vivon, sendependan de Adelʼ. Gravas, ke nur nia ĉambro havis sanan tagordon. Je la 23-a, iam eĉ pli frue, en nia ĉambro la lumo estis malŝaltita kaj ĉiuj dormis. Vekiĝis ni triope je la sesa, gimnastikis, kuradis, duŝis nin kaj je la oka ni jam

preparis nin al lecionoj, ĉiu en propra klasĉambro. Klasĉambroj multis en nia nova ejo, do ni preskaŭ ĉiam havis eblecon trovi liberan ĉambron kun piano. Vera pianludis de mateno ĝis vespero, uzante ĉiun liberan momenton por tio. Ŝi estis serioza kaj obstina. Ŝi ne estis tre kapabla pri pianludo, sed ŝia konstanta laboro donis siajn fruktojn: komencinte lernadon de poento “3” ŝi venis al rezulta ekzameno en la kvara kurso kun poento “5” (plej supera).

En nia kurso lernis ankaŭ certa knabo-akordionisto, kiu foje savis Vera-n de diboĉuloj, embuskintaj ĉe nia komunloĝejo malfruvespere por kapti knabinon. La knabo nomiĝis Serjoĵa Berezin. Li estis nervoza maldika knabo, kiun pro maltrankvileco neniu ŝatis. Sed post kiam li sola batalis kontraŭ kelkaj diboĉuloj por Vera, ŝi ekestimis lin kaj eĉ permesis al li iam promeni kun ŝi, man-en-mane.

Tiu estis la sola knabo, kun kiu Vera amikis, kaj li parolis kun ŝi ĉiam sincere, estante apud ŝi tute alia, ol ĉiuj konis lin.

Ni amikis kun Vera tutajn kvar jarojn de nia lernado kaj dum la tuta tempo ni loĝis kune en sama ĉambro. Dum la unua jaro ni loĝis en konsisto: Adelj, Vera, mi, Olga, Galja. Duan jaron — Adelj, Vera, mi, Mila Loĥiĉeva (mia samurbanino, kiun ŝia panjo petis min prizorgi) kaj juna knabino, kies nomon mi jam ne memoras, 16-jara vokalistino, kiu nelonge loĝis ĉe ni, ĉar fiaskis en ekzamenoj. La trian kaj la kvaran jaron nia kompanio estis: Vera, mi, Mila Loĥiĉeva, Tanja Afanasjeva, Nadja Frolova.

Vera neniam estis bela, sed kiam ŝi plenkreskis, ŝi iĝis iomete simila al la aktorino Marina Vladi. Ŝia alta frunto, ŝiaj brunaj okuloj, iomete pli longaj horizontale ol kutime ĉe ĉirkaŭaj homoj, kaj iom nerektaj, similaj al la kataj, rekta akra nazo kaj maldikaj lipoj — ĉio ĉi estis malproksima de la tiama normo de beleco, sed ŝia vizaĝo estis simila samtempe al pentrita japana kaj al rusa ikono. Ne bela, sed memorinda.

Vera, kiel ĉiu juna knabino, iam forte enamiĝis, ĉiam senespere. La plej longa ŝia senespera amulo estis ŝia pianinstruisto — bela kaj talenta ĵusfininto de la konservatorio. Pro tiu amo Vera brile ekzameniĝis pri pianludo en la lasta kurso. Ankoraŭ unu ŝia senespera amulo estis dum la lasta lernojaro nia samkursano kaj samaĝulo bela alta knabo Aleksandr.

Pro tiu ŝia vica enamiĝo ŝia posta vivo iĝis ne feliĉa. Certe, en ŝia postsekva vivo estis feliĉaj momentoj, sed… Ĉio malbona komenciĝis de nia lasta bankedo okaze de fino de la kolegio. Vera bele vestiĝis per blanka kostumo kaj dum festo en kafejo eksidis tuj ĉe sia tiama amulo Aleksandr. Sed li estis nesola. Por la festo venis lia frato, multe pli aĝa ol li, kaj (kiel evidentiĝis poste) malhonesta. Tiu frato konstante verŝis vinon en la pokalon de Vera kaj invitadis ŝin por danco. Finfine li, kvazaŭ akompanante Veran, venigis ŝin al sia luata loĝejo kaj perfortis, post kio li simple forpuŝis ŝin postporden.

Ŝi venis al la komunloĝejo plorante kun granda ruĝa makulo sur blanka jupo. La sekvan matenon ni kune kun ŝi trovis tiun loĝejon por repreni ŝiajn ŝtrumpojn kaj pantaloneton. Li malfermis pordon nur tiom, kiom estis sufiĉe por forĵeti la aĵojn...

Somere Vera studentiĝis en Novosibirska konservatorio kiel pianistino, sed mi restis en Kemerovo kiel pianakompanistino en nia kolegio. Tiel la vivo nin disigis, sed, kiel evidentiĝis, ne porlonge.

Post pli ol du jaroj Vera revenis en Kemerovon kaj ni denove ekloĝis kune, duope en sama ĉambro. Vera ofte nokte venadis en la konservatorion por pianludi. Ŝi ludis kaj ploris, ĉar pensis, ke post tiu perforto neniu ekvolos esti ŝia amato kaj amanto. Por ŝi la persona vivo estis jam finita por ĉiam. Pro longaj kaj multaj pianludadoj en tia stato ŝiaj manoj komencis laci kaj dolori. Kiam dum la tria kurso ŝi venis al kuracisto, tiu diris, ke de nun ŝi devas ŝanĝi sian profesion, ĉar tiu malsano ne permesos al ŝi plu ludi pianon profesie. Pro tio ŝi revenis al Kemerovo, kie oni ŝin tuj akceptis en la kolegion kiel pianakompananton kaj mi lasis ŝin loĝi en mia ĉambro, kie mi loĝis tiam sola.

Post duonjaro revenis el militservo iama ŝia amiko Serjoĵa Berezin. Ili denove kune promenis surstrate kaj ŝi rakontis al li ĉion, kio okazis kun ŝi. Li tuj proponis al ŝi geedziĝi. Vera dekomence diris, ke ili povas esti geamantoj, sed Sergej respondis, ke ŝi bezonatas al li nur kiel edzino. Ŝi konsentis, ili tuj geedziĝis kaj ĝuste kiam mi vican (duan kaj lastan) fojon forveturis al Moskvo por abiturienti en Muzika Instituto "familio Gnesin", mi sciis, ke reveni mi ne devis, ĉar iama mia ĉambro estas okupita de Vera-familio, jam preskaŭ trihoma (ili intencis naski filon kaj ja bonorde naskis lin). Mi feliĉe studentiĝis kaj porlonge forveturis al Moskvo. Vera kaj Serjoĵa loĝis en mia ĉambro ankoraŭ ne pli ol 2 jarojn, sed poste transloĝiĝis al la hejmo de la gepatroj de Vera en la urbo Osinniki de la Kemerova regiono. Kiam mi finstudis la instituton kaj revenis al Kemerovo, unufoje mi vizitis ŝin ĉe ŝiaj gepatroj.

Post tiu vizito la vivo nin disigis porlonge. Mi trafis, kiel diris mia iama studento, poste amiko, "en vicon de nesukcesaj edziniĝoj" dum ĉirkaŭ dek jaroj. Dum tiu vivo mi kvarfoje ŝanĝis adreson, rezulte ĉiuj miaj korespondamikoj portempe perdis min.

Kiam mia vivo denove normaliĝis kaj mi ricevis konstantan adreson en Moskvo, mi intencis retrovi miajn iamajn amikojn, inter kiuj estis Vera. Sed ŝi mem min trovis. Mi ricevis de ŝi leteron, el kiu eksciis, ke ŝi kun Serjoĵa kaj gefiloj jam delonge loĝas en Seversk, fermita urbeto[1] apud Tomsk. Mi tre ĝojis, ĉar en Tomsk nun vivas miaj panjo kaj frato kun familio. Mi rekorespondis kun

[1] "Fermita" ĉar en Sovetio ĝi estis nuklearmilejo. Sed ankoraŭ nun ĝi restas "fermita", t.e. oni devas ricevi specialan permeson por eniri ĝin, se oni ne estas loĝanto de Sversk.—n.d.l.r.

ŝi kaj kiam mi vizitis mian panjon okaze de ties 80-jariĝo, mi denove renkontiĝis kun Vera, kiu venis al mia panjo kun sia bela filino. Finfine ni ĝissate interparolis.

Jes, tio estis jam la dua nia renkontiĝo. La unua okazis, kiam ni kun mia edzo vizitis mian panjon somere, unu jaron pli frue. Tiam Vera venis, sed ni ne estis kun ŝi solaj, ĉar ĉiam, eĉ dum mia akompano de Vera al buso, apud mi estis mia amata edzo, do ne eblis paroli pri ĉio tute libere, kiel dum juneco.

Do, mi ekaŭdis multon novan pri ŝia vivo. Ŝi transloĝiĝis al Seversk, ĉar oni donis tie al ili loĝejon. Ŝi kune kun Serjoĵa komencis labori en Seversk en ĵus malfermita muzika lernejo. Serjoĵa instruis bajanon (rusa speco de akordiono) kaj Vera instruis pianon. Pro sia nervoza karaktero Sergej tre rapide malbonigis rilatojn kun ĉiuj kolegoj kaj estraro de la lernejo. Finfine oni forpelis lin el la muziklernejo. Li ne laboris, multe drinkis kaj Vera eĉ kuraĝiĝis por divorco. Li komencis loĝi aparte, sed, kiam liaj vicaj drink-amikoj ŝtelis ĉion el lia loĝejo kaj batis lin, li denove venis al Vera kaj petis ŝin permesi al li loĝi en ŝia loĝejo. Kaj Vera konsentis, ĉar ŝi estis tro bonkora por lasi lin sola. Ŝi komprenis, ke sen ŝi li tute pereos. Li sen ŝi estis tiom senhelpa, ke tute ne povis komuniki kun homoj, nur drinkis kaj skandalis.

En la loĝejo de Vera li denove komencis drinki, sed Vera toleris tion, ĉar ŝi estis sola, parte komprenis lin kaj estis danka al li pro iama lia subteno kaj propono pri geedziĝo. Krom tio li estis patro de ŝiaj bonedukitaj kaj jam sendependaj gefiloj.

Trifoje ni renkontiĝis kun Vera en Tomsk: la unuan fojon, kiam ni kun Valentin venis somere al panjo, la duan, kiam jubileis mia panjo (vintre 2004), la trian — kiam jubileis mia frato (aŭtune 2007).

Kiam mi venis al Tomsk la kvaran fojon, aŭtune 2008, por prezenti en Siberio mian instrusistemon, mi longe telefonis al Vera kaj finfine ekaŭdis voĉon, kiu diris tre malrapide: «Temas pri tio, ke...». Kaj ankoraŭ unufoje... kaj poste — rapidaj zumoj. Mi maltrankviliĝis. Kio okazis? Post kelkaj minutoj al mi telefonis ŝia edzo Serjoĵa, kiu klarigis la situacion: Veran trafis cerb-infarkto, post kiu ŝi povas diri nur «jes» aŭ «ne», sed ŝi volas kun mi paroli. Kion mi faru? Mi demandis ŝin, ĉu ŝi nun sentas sin pli bone ol antaŭe. Ŝi diris «jes». Mi demandis, ĉu familianoj zorgas pri ŝi. Ŝi respondis «jes». Mi diris, ke ŝi certe post tempo tute resaniĝos. Ŝi diris «jes».

Mi revenis al Moskvo. Dum ĉiusemajnaj telefonparoloj kun mia panjo mi eksciis, ke iu al ŝi telefonis, dirante samajn vortojn «temas pri...» en sama parolmaniero. Junie mi sendis al Vera telegramon kun gratuloj okaze de ŝia 60-jariĝo.

Ve, respondo forestis...

# La Mirmekobo



Kiel besto, la Mirmekobo (*Myrmecobius fasciatus*) estas preskaŭ elmortinta en sia indiĝena teritorio aŭstralia. Sed en sia revua formo, ĝi estas internacie havebla senpage, kaj ni esperas ke vi enhejmigos ĝin, nutros ĝin per viaj legado kaj kontribuo de enhavo, kaj ĝuados ĝin.

Adreso por ĉiuj komunikajoj, por peti ekzempleron aŭ por peti abonon, kaj por sendi kontribuajon:

mirmekobo@mac.com

Abono al la revuo estas senpaga. Ĉar neniuj surpapere presitaj ekzempleroj ekzistas, neniu preskosto ekzistas. Se vi deziras mem per via komputila presilo presi ekzemplero(j)n, por vi mem aŭ por aliaj, tion vi rajtas fari laŭdezire kaj senpage.

La revueto *Mirmekobo* estas sendependa, kaj subtenas neniun ismon. Artikolojn povas kontribui iu ajn. Tre bonvenaj estas literaturajoj: noveloj, poemoj, prozajoj iaspecaj; esprimoj de vidpunkto; historiajoj; prezento de interesaj hobioj; biografiajoj, aŭtobiografiajoj; legendoj, mitoj… Bildoj, ĉu fotoj, ĉu desegnajoj, ĉu klarigaj, tre bonvenos. Sed: Reklamojn, anonc(et)ojn, propagandon, lingvajn studojn aŭ kritikojn, pornaĵojn, Mirmekobo malakceptas. La redaktoro rajtas akcepti, modifi, aŭ malakcepti ian kontribuajon, kiun li opinias malkonforma al la karaktero kaj reputacio de la revueto. Korektojn evidente bezonajn li rajtas fari, konsultinte la verkinton.



Malnovaj numeroj de Mirmekobo troviĝas ĉe www.gazetejo.org/mirmekobo kaj ankaŭ ĉe la retejo de la redakcio:

http://web.me.com/donbroadribb1/Site/Mirmekobo.html
Redaktoro: Donald Broadribb